# La Bulteneto

Numero 48  Julia Isbrücker-Jaro 2020

DULINGVA MAGAZINO ELDONATA EN VIENO







Prutscher 44 Seĝoj

Kurbigita ligno

# Tri ekspozicioj en MAK Vieno

**Ĝis la 29a de marto 2020 (Seĝoj)**

**Ĝis la 17a de majo 2020 (Prutscher)**

**Ĝis la 13a de aprilo 2020 (Kurbigita ligno)**



# La Bulteneto

Numero 48 • Julia Isbrücker-Jaro 2020
Redaktejo - eldonejo - presejo:
Rudolfinergasse 8/11, 1190 Vieno, Aŭstrio, Eŭropa Unio

Tekstoj: Renate kaj Walter Klag, esperanto@chello.at

Unverkäufliche, private Ausgabe - Nevendebla, privata eldono

Sur paĝo 1

Otto Prutscher [pruĉer] en seĝo de Josef Zotti [coti], 1913
Foto: Karl Ehn
© Archivio Famiglia Otto Prutscher, Mailand

Franz Schuster, Armlehnsessel, Modell Nr. 1652, Wien, 1952
Buche, massiv, z. T. gebogen; Polsterung aus Schaumgummi, Textilbezug
© MAK/Nathan Murrell
Brakapogila seĝo de Franz Schuster [franc ŝuster] el masiva fagoligno, parte kurbigita, 1952, remburaĵo el ŝaŭmgumo, tegaĵo el tekstilo



# 44 seĝoj

Ekspozicie 44 seĝojn montras la Muzeo por Aplikita Arto MAK en Vieno. Kvarono venas el Aŭstrio, plia kvarono el norda Eŭropo kaj la resto el aliaj landoj.



Verner Panton, Panton Chair, Kopenhagen, 1967
Polyurethan, orange lackiert



Pierre Paulin, Sitzmöbel *Tongue*, Frankreich, 1967
Metall; Polsterung aus Schaumstoff mit orangem Jerseybezug

Sidmeblo de Pierre Paulin [pjer poléj] *Tongue [tong]*, Francio, 1967
Metalo; remburaĵo el ŝaŭma substanco kun oranĝkolora ĵerza kovraĵo



Piero Gatti, Cesare [ĉésare] Paolini, Franco [franko] Teodoro
Sidsako, Italio, 1968
Fabrikita fare de Zanotta [canota] 2006
Teksaĵo lakita per vinilo, stiroporo

# Prutscher



Otto Prutscher, Fauteuil, Wien, um 1919
Ausführung: Gebrüder Thonet
Eichenholz, geschnitzt; Buchenholz, gebogen; Polsterung mit Textilbezug
© MAK/Georg Mayer

Fotelo de Otto Prutscher, Vieno, ĉirkaŭ 1919
Produktado fare de Fratoj Thonet
Ĉizita kverka ligno; kurbigita faga ligno
Remburaĵo kun tekstila kovraĵo




Otto Prutscher, Innenansicht für das Café-Restaurant Hotel Imperial, Wien I.
(gemeinsam mit Anton Schuwerk und August Röben), 1937
Karton, Transparentpapier, Aquarellfarbe, Tusche, Buntstift, Bleistift


Interno por la kafejo-restoracio en la hotelo Imperial, Vieno, 1a distrikto
Otto Prutscher, Anton Schuwerk [ŝuverk] kaj August Röben, 1937
Kartono, travidebla papero, akvarelfarbo, tuĉo, bunta kaj nigra krajonoj



Otto Prutscher
Fassade des Gemeindebaus Lorenshof, Längenfeldgasse, Wien XII., 1927
Fasado de la komunuma domo Lorenshof
12a distrikto de Vieno, Längenfeldgasse, 1927
© Arkivo Familio Otto Prutscher, Milano

# Biografieto

| | |
|---|---|
| 1880 | Otto Prutscher [oto pruĉer] naskiĝas en Vieno. Lia patro estas arta lignaĵisto. |
| 1891-1894 | Elementa lernejo. |
| 1894-1895 | Lignaĵista metilernado en la laborejo de la patro. |
| 1895-1897 | Vizito de faka altlernejo por ligna industrio. |
| 1897-1901 | Studado en Wiener Kunstgewerbeschule (Viena Lernejo por Metio; la hodiaŭa Universitato por Aplikita Arto, adreso Stubenring 3). Unu el liaj instruistoj estas Josef Hoffmann. |
| 1900 | Kunlaboro en la figurado de ĉambro de Kunstgewerbeschule en la kadro de la monda ekspozicio en Parizo. |
| 1901 | Fino de la studado. Ricevo de stipendio por gelernantoj de Kunstgewerbeschule. Vojaĝoj al Parizo kaj Londono. |
| 1902 | Partumo en la 13a ekspozicio de Viena Secesio kaj Internacia Ekspozicio por Moderna Dekora Arto en Turino. |
| 1903-1907 | Asistanto en Graphische Lehr- und Versuchsanstalt (Grafika Instrua kaj Eksperimenta Instituto) en Vieno. Figurado de mebloj, ŝtofoj, tapiŝoj, ornamaĵoj kaj glasoj por diversaj firmaoj, interalie Backhausen [bakhaŭzen] en Vieno. |

| | |
|---|---|
| 1904 | Komenco de memstara laboro kiel figuristo. Realigo de la unua konstruaĵo, nome de la hodiaŭ ne plu ekzistanta vilao por Christian Mörzinger-Cabos [krístian mércinger-kabos] en Vieno, 14a distrikto, Salisstrato 3. |
| 1905-1907 | Figurado de mebloj kaj ĉambroj en Vieno, Darmstadt kaj Mannheim. |
| 1908 | Prutscher iĝas instruisto en Graphische Lehr- und Versuchsanstalt kaj membro de Deutscher Werkbund. Krome li laboras por Wiener Werkstätte. |
| 1909 | Profesoro en Wiener Kunstgewerbeschule; figurado de la aŭstria sekcio de Internacia Fota Ekspozicio en Dresdeno. Skizoj por ceramikaĵaj firmaoj. |
| 1910-1915<br>1919-1948 | Figuradoj de diversaj ĉambroj, vendejoj kaj kafejoj. Arkitektaj laboroj. |
| 1911 | Edziĝo. |
| 1914-1918 | Militservo. |
| 1939 | Prutscher devas pensiuliĝi, ĉar lia edzino estas judino. Tamen la geedzoj restas senprobleme en Vieno dum la Dua Mondmilito (1939-1945). La du filinoj ekloĝas en Italio. |
| 1940-1944 | Kelkaj ekipaĵaj laboroj, kvankam Prutscher havas malpermeson profesie labori. |
| 1949 | Prutscher mortas en Vieno. |

# MULTTAVOLA KURBIGITA LIGNO
# BUGHOLZ, VIELSCHICHTIG

La fratoj Thonet kaj la moderna mebla dezajno
Thonet und das moderne Möbeldesign



Fratoj Thonet [tonet], seĝo, modelo 14, Vieno
Gebrüder Thonet, Sessel, Modell Nr. 14, Wien, 1859
Ausführung - Produktado: 1890–1918
© MAK/Georg Mayer



Josef Hoffmann [jozef hofman], brak-apogila seĝo,
modelo 729/F, Vieno, ĉirkaŭ 1907
Josef Hoffmann, Armlehnsessel, Modell Nr. 729/F, Wien, um 1907



Robert Stadler [ŝtadler], seĝo, modelo 107, Vieno, 2011
Robert Stadler, Sessel, Modell Nr. 107, Wien, 2011
© MAK/Georg Mayer

Angebot

# DIE NEUE SILBERMÜNZE-MEDAILLE
# 100 STELOJ
# EIN SPITZENPRODUKT DER MÜNZE ÖSTERREICH




## Anlass: 150. Wiederkehr des Geburtstages von René de Saussure am 17. März 2018

Er war ein Schweizer Sprachwissenschaftler und der Erfinder des universellen Geldes.
Sein Bruder Ferdinand de Saussure war der Begründer der modernen Linguistik.

Limitierte Auflage: 1000 Stück, keine Nachprägungen. Durchmesser: 37 mm.
Oberfläche: Stempelglanz - PP. Lieferung in einer Kunststoffkapsel.
Masse: 1 Unze Feinsilber 999/1000 (31,1 Gramm). Zertifikat wird mitgeliefert.
Aus gesetzlichen Gründen ist die Silberpunze 925 aufgeprägt.
Herausgeber und Entwerfer: Mag. Walter Klag.
Künstlerische Feinarbeit: Mag. Helmut Andexlinger, Chefgraveur der Münze Österreich.
Hersteller: Münze Österreich, Wien 3., Am Heumarkt 1; muenzeoesterreich.at
Die Münze Österreich ist eine 100%ige Tochter der Österreichischen Nationalbank.

**Preis 49 € zuzüglich Versandkosten 10 €. Versand nur in Euro-Länder möglich.**

Lieferung nach Vorauszahlung des Betrages. Bitte schreiben Sie die genaue Zustelladresse (gegebenenfalls auch die Wohnungsnummer) an esperanto@chello.at.

Mag. Walter Klag, Rudolfinergasse 8/11, 1190 Wien, Aŭstrio.

# La renaskiĝo de la Steloj

Antaŭ kvin jaroj kaj duono, dum FESTO 2012 en Métabief, Alexandre 'Alekĉjo' Raymond venis al mi kun freneza sed interesa ideo: eldoni Esperanto-monon. Tiutempe FESTO multe inovaciis, ĝi eldonis proprajn tasojn, ĉemizojn kaj pli. Dum la renkontiĝo grupo de homoj ĉirkaŭ tablo diskutis kiel aspektu la moneroj, kiom ili valoru kaj kiel ili funkciu.

Post la somero Alekĉjo kontaktis kun presejo de plastaj moneroj por taksi, kiom realigebla estas la ideo. La plano fine aspektis jena:

- Estu moneroj de 1, 3 kaj 10 Steloj. Tio ebligos rapidan pagadon de diversaj eblaj monsumoj.
- La moneroj estu malsamkoloraj kaj malsamgrandaj, por ebligi facilan kaj rapidan uzon.
- La koloroj estu ruĝa, flava kaj verda, kaj la simboloj gufo, papago kaj krokodilo.
- La valoro de unu Stelo egalu al la plej malgranda kutima elspezo en trinkejo aŭ gufujo, do unu taso da teo aŭ unu glaso da kolao.

La finaj desegnoj estis senditaj kaj 3000 moneroj estis presitaj en oktobro 2012. Bonŝance en la fino de oktobro okazis malgranda renkontiĝo, kiun mi kunorganizis: Klaĉ-Kunveno Post-Somera en Nederlando. Ĝi estis perfekta por testi la novan monsistemon. La publiko ŝatis la monerojn, kaj sukcesis adaptiĝi al ĝia uzado. Post KKPS la Itala Esperanto-Junularo iĝis kuninvestanto de la projekto.

La originala valoro estis difinita kiel 4,2 Steloj en unu eŭro. Poste la valoro estas ligita al la inflacie kompensitaj valoroj de eŭro, realo kaj zloto kun pezoj de 76%, 20% kaj 4%. Do same kiel la antaŭa Stelo, tiu ĉi Stelo teorie tenos sian valoron. Ekde 2012 ĝis 2017 la valoro de unu eŭro en Steloj variis inter 4,040 kaj 4,581.

La Steloj estas ĉefe uzataj en trinkejo de junularaj Esperanto-renkontiĝoj. Ili estas valida pagilo en KKPS 2012-2017, IJF 2013-2017, JES 2012 kaj 2017, SES kaj FESTO 2013 kaj IJK 2015. Krome ili uziĝis en kelkaj trajnkaravanoj kaj eblas mendi ilin poŝte ĉe Alekĉjo aŭ Roĉjo.

La avantaĝoj de Steloj en trinkejo estas la facila uzo, la malalta pezo relative al metalaj moneroj, kaj la fiero havi specialan Esperanto-monon. La ĉefa malavantaĝo estas la bezono interŝanĝi alian monon kontraŭ Steloj en la komenco de la renkontiĝo.

La kvanto presita en 2012 devus sufiĉi por uzo en eĉ la plej grandaj junularaj renkontiĝoj. Se ilia uzo aŭ kolektado ekster la junulara movado ankaŭ kreskos, tiam dua presado estos pripensinda.

Rogier 'Roĉjo' Huurman

Bildoj: https://commons.wikimedia.org/wiki/Category:Stelo

Bonvolu mendi la plastajn Stelojn ĉe rogier.huurman@gmail.com



# Julia Isbrücker-Jaro 2020
# Invito al kunlaboro



2020 estas la 100a datreveno de la 12a Universala Kongreso en Hago (1920). Julia Isbrücker kunorganizis ĝin. La realigo de tiu kongreso pruvas, ke ankaŭ granda milito ne povas neniigi nian lingvon. Julia kunfondis Internacian Esperanto-Instituton kaj Universalan Ligon kaj kuneldonis la metalajn Stelo-monerojn, kies nominaloj estas 1, 5, 10 kaj 25 Steloj.

2020 mi eldonos arĝentan 50-Stelan moneron (simila al la Maria Theresia-Talero) por la honoro de Julia.




La kolektita materialo aperos kaj en la formo de vikipediaj artikoloj en diversaj lingvoj kaj kiel broŝuro en presita kaj en la formo de podofo.
Bonvolu sendi al mi tekstojn kaj fotojn de kaj pri Julia. En la fina eldonaĵo via nomo estos menciita.

Walter Klag, esperanto@chello.at.

# Esperanto-Numismatika Asocio

Pro la ĝis tiam kompleta manko de tia projekto, en 2013 estis fondita la fakgrupo „Esperanto-Numismatika Asocio" (ENA) kun revuo „Esperanta Numismatiko", probable la ununura tia fakgrupo en la historio de Esperanto.

La instiga fakto estis la konstato, ke en Esperantujo la propra trezoro je moneroj kaj medaloj estas apenaŭ konata, eĉ ne en la vasta rondo de kolektantoj. Kaj tiuj, kiuj scias, ke vere ekzistas tiaj belaĵoj, supozas, ke ili estas kvante kaj kvalite tute malgravaj. Tial, unu el la ĉefaj celoj de la nova fakgrupo estas montri al la esperantistoj kaj al la cetera mondo, ke esperantaj numismatikaĵoj estas kolektindaj kaj nepre pristudendaj artefaktoj. Kroma celo estas plejeble baldaŭ kompili kaj eldoni katalogon kaj enciklopedian terminaron.

La membro-kvanto de ENA kreskis dum nur kvin jaroj ĝis 133 individuaj membroj kaj 20 esperantaj organizaĵoj, bibliotekoj kaj muzeoj, dise en la mondo.

Agrable por ni kaj vi estas sendube, ke la asocio ne havas estraron, do ankaŭ ne kasiston!

Tial oni rajtas SENPAGE aliĝi (sufiĉas respondi: „Mi konsentas aliĝi"). Krome la *NUR PERRETA* revuo estas tute SENKOSTA! Kaj tio neniam ŝanĝiĝos!

Post aliĝo, vi tuj ricevos perrete ĉiujn jam aperintajn kaj sekve ĉiujn aperontajn numerojn, 4 numerojn jare.

Nian anoncon vi trovos ankaŭ en la Jarlibro de UEA. Se vi deziras kromajn informojn, ne hezitu kontakti nin tiel: bert.boon@skynet.be

Vi rajtas unue peti provnumeron! Vi decidos poste!

Kun numismataj kaj samideanaj salutoj,

Bert Boon

Iniciatoro de ENA, ĉefredaktoro de „Esperanta Numismatiko"

## Sprachencafé

Möchten Sie eine neue Sprache lernen? Oder Ihre Fremdsprachkenntnisse auffrischen? Dann kommen Sie zum Sprachencafé der WMW Friends im cook.café & bistro in der wunderschönen Säulenhalle!

**Sprachen**: Arabisch, Deutsch, Englisch, Esperanto, Indonesisch und Spanisch.
Eine Kooperation der WMW Friends mit duolingo
Treffpunkt: Säulenhalle



Im Wiener Weltmuseum findet jeden zweiten Montag ein Sprachencafé statt.

Termine: eventa servo austria



# Internationales Esperanto-Museum

Wien 1., Herrengasse 9
Haltestelle Herrengasse der U3
☏ 0043 1 534 10 730 💻 esperanto@onb.ac.at

Öffnungszeiten: Dienstag bis Sonntag 10 bis 18 h
Donnerstag 10 bis 21 h

**Esperantokurse und Führungen auf Anfrage.**



Im selben Haus befinden sich auch die
**Sammlung für Plansprachen**,
die
**Musikaliensammlung**
und das
**Globenmuseum**